

# LA SKOLTA MONDO

OFICIALA ORGANO DE LA SKOLTA ESPERANTISTA LIGO

VOLUMO 4 N·RO 13
1·A JARKVARONO 1972

# S ✫ E ✫ L

Fondinto: "Avoto"
Kunfondinto: J.W. Leslie

Honoraj Prezidantoj:
"Avoto". Norman Booth.
D.H. Davis. L.J. Van Gulck

Prezidanto: John Berggreen,
Brattvollveien 23 c,
Nordstrandhøgda, Norvegujo

Sekretario: J. K. Hammer,
Taxusstraat 7, Zaandam,
Nederlando.
Poŝtĝirkonto 63 22 46.

Kasisto kaj Administranto de "La Skolta Mondo":
David H. Withey, 21 Brookfield Avenue, Waterloo,
Liverpool L 22 3YE, Britujo
Telefono WAT 2936

Redaktoro: Hans Amund Rosbach,
Nergata 37 c, N-6500
Kristiansund N, Norvegujo.

La Skolta Mondo aperas kvarfoje en la jaro.
Okaze de nericevo, bonvolu sciigi vian Nacian Reprezentanton aŭ la Administranton.


# TASKO

Kiam mi - plenkreskule - komencis mian skoltan karieron, mi aŭdis, ke moto por la skolto estas: Kiam io estas malfacila, ni faras ĝin tuj; se io estas malfarebla, tio postulas pli longan tempon.

Tio estas tre fanfaronema moto, kaj ĝi certe ne estas laŭlitere kompreninda, sed ĝi volas diri, ke skolto ne hezitu provi kaj ne tuj cedu al malfacilaĵoj.
Nia Ligo estas pruvo pri skoltoj kiuj deziris labori laŭ tiu moto. La tasko enkonduki Esperanton en

la skoltan movadon povis ŝa
la skoltan movadon povis ŝajni neebla. Tial ĝi postulis longan tempon. Nun ĝi ne plu estas neebla, sed ankoraŭ malfacila. Kaj tial ni nun faru ĝin tuj.
Ni havas la ilojn:

1. La skoltan lernolibron.
2. La skoltajn insignojn (interpretisto, mondfrateco ktp.)
3. Nian skoltan revuon.
4. Niajn skoltajn revuojn, t.e. la kolonojn de naciaj revuoj.
5. Skoltajn kampojn.
6. Leterojn.

Ni uzu la ilojn!

Mia tasko en S.E.L. estas redakti La Skoltan Mondon.
Se la revuo taŭgas, montru ĝin al viaj skoltaj amikoj. Ili envios vin, kiu povas legi strangan lingvon. Des pli ili envios vin, se vi povas montri leterojn kaj gajajn poŝtmarkojn, kiujn vi ricevis per Esperanto.
Se la revuo ne plaĉas al vi, kaj vi tial ne emas montri ĝin al viaj amikoj, skribu al mi kaj donu vian kritikon, viajn sugestojn, viajn ideojn. Neniu pli ĝojus ol mi, se ni povus krei pli bonan gazeton.
Intertempe - rigardu la kovrilan bildon: Juna sveda skoltino, kiu pafas celkonscie.
La bildo estu simbola!

Via
Hans Amund.

# LA PREZIDANTO:



Unu jaro denove forpasis - jaro 1971 - kiu feliĉe portis novajn fruktojn al SEL.

La plej gravaj eventoj estis la ĵamboreo en Japanujo kaj la UK. en Londono. Malgraŭ la bonegaj antaŭlaboroj de niaj SEL-anoj en Japanujo, la terura tajfuno dum la ĵamboreaj tagoj parte detruis bedaŭrinde ĉiujn eblecojn kunvenigi la ĉeestantajn membrojn el diversaj landoj. Tamen montriĝis valoraj la diskutoj en SEL-kunveno tuj antaŭ la fino de la tendaro.

En Londona kongreso plej grandaj rezultoj estis la saluto de la ĝenerala sekretario de la Skoltknaba Monda Oficejo, d-ro Laszlo Nagy; la SEL-kunveno kun reprezentantoj el 14 landoj; gravaj diskutoj inter la membroj de Centra Komitato pri la estonta laboro de SEL, kaj la valoraj donacoj, kiujn ni ricevis tie, kiuj plibonigas nian ekonomion.

La jaro 1972 estos: "Jaro de Internacia Amikeco por Eŭropaj skoltoj", kio signifos novajn eblecojn prezenti nian proponon pri pli bona interkomprenado inter tutmonda skoltaro.

Krome okazos en 1972 nova Universala Kongreso (en Portland, Usono) dum kiu aranĝiĝos jarkunkunveno de SEL, kiun estros verŝajne nia NR por Usono, H.William Beare.

En Britujo (Essex 29/7 — 5/8) okazos skolttendaro kun internacia partopreno sub estrado de nia SEL-ano T. Parrinder, kiu garantias, ke skoltoj povos utiligi Esperanton tie.

La venonta ĵamboreo okazos en 1975 en Norvegujo, sed C.K. jam komencis diskuti laborplanon por sukcesigi nian agadon tie.

La bonega lernolibro JAMBOREA LINGVO estos denove eldonata (jam 3-a eldono!), kaj ĉifoje en 10.000 ekzempleroj, dank' al financa helpo de unu el niaj honoraj prezidantoj, kolonelo D.H. Davis. Denove koran dankon al li!

Entute Centra Komitato havas multajn planojn pri la nova laborjaro 1972, kaj mi petas vin ĉiujn helpu nin, por ke SEL povu kreski kaj fortiĝi, havonte pli da membroj.

En nomo de la Centra Komitato mi salutas vin, dezirante al vi ĉiuj sukcesplenan novan jaron!

EK de ĉi tiu numero LSM estos sendata nur pere de la nacia reprezentanto en landoj, kie ni havas tian.

Se iu ne ricevas sian ekzempleron, bonvolu vin turni al la N.R., kaj - se necese - al la administranto, kies adreso estas en ĉiu numero en la rubriko sur paĝo 2.

Thor Wiborg

TIEL VI FARAS:

# PANTOGRAFO

Per tiu ĉi aparato vi povas pligrandigi desegnaĵojn de 1⅛ ĝis 8 fojojn — aŭ malgrandigi ilin. Facile farebla, facile uzebla!

4 lignotrabetojn ¼" × ⅝", prefere el betulo, ĉiu 52 cm longa. En ili faru truojn, tute precize samloke en la kvar. En la du finaĵoj la truo havu grandecon kiel krajona dikeco, la aliaj truoj konvenu al viaj „ŝlosiloj"

Sube vi povas mezuri kie la truoj estu. La kvar pecoj kune mezuru 52 cm.

La „pecoj" estu unu longeco, kunmetataj x-x y-y z-z

Truo en krajondikeco

Unue faru unu modelon. Faru la aliajn identajn. Skribu la ciferojn

La „ŝlosilon" faru el metala drato.

La traboj ĉe A. B. C. kaj D.




Fiksita al tablo aŭ breto

Helpa „apogilo"

Ĉi tiu sekvu la desegnaĵon

Krajono




Metu la ŝlosilojn en la samaj (samnombritaj) ŝlosiltruoj.

Ĉe malgrandigo ŝanĝu la krajonon kaj la pintan lignon ĉe C.






El „Speideren"



# Nia SKOLTA MONDO

Japanujo.



La laboro de niaj japanaj amikoj por la ĵamboreo estis tre malfacila, kaj tre honorinda. Tre ĝena estis la silenta, ridetanta estraro de japana skoltasocio, kiu promesis multon, sed faris nenion. La daŭra afabla jes-ado tre ĝenis niajn japanajn amikojn.
Dum la ĵamboreo la tajfuno igis almenaŭ 80% de la skoltoj forlasi la tendaron, kelkaj tute ne revenis.
Mekzikaj skoltoj fuĝis al sia ambasadorejo, germanaj vagadis surstrate. Laŭdon al britaj kaj skotaj skoltoj, forte batalantaj kontraŭ la malfacilaĵoj, donantaj ekzemplon al la helpantaj japanaj pliaĝaj skoltoj kaj roveroj.
Bazo por SEL estis junulargastejo 'Fumoto no ie' (Montpieda domo) apud la tendaro. Nia amiko Ŝindo Seitaro tamen ricevis lokon en la tendo de la japana stabo apud nia helpanto, amiko K. Ishii.
En la stabejo la SEL-anoj povis partopreni diskutojn por solvi la problemojn pro la pluvego, kaj tiel povis veki intereson pri nia lingvo. Ili kontrolis kun helpo de du instruistinoj el Hamacacu la bonfarton de la SELanoj post la pluvegoj, kaj tiel plifortigis la solidarecon.

Ili ricevis inviton al la itala adiaŭa vespero, kaj ili aranĝis kunvenon, dum kiu akceptiĝis rezolucio.
La nederlanda B.J.Wijmer (vidu foton LSM 1971/2) forlasis la kontingenton nederlandan, por tuttempe labori kun la japanaj amikoj.
Post la ĵamboreo li, kune kun R. Tokuda, transdonis flagon de Lions Club, Staten Island, USA al la klubo en Ŝhizuoka, ĉar la planita transdono per usonaj skoltoj fiaskis pro la tajfuno.

Belgujo.



La sekcio eldonas la bultenon "La Heroldo" en 200 ekz.
Kurso en skolta revuo daŭriĝas gvidata de s-ro Frederickx.
Oni -denove- rajtas porti la insignon "Esperanto" sur skolta uniformo.
La sekcio havas 38 membrojn kaj 31 abonantojn de LSM



Finnlando.
La sekcio konsistas el 5 membroj, sed ili povas montri al neordinara aktiva sekcia vivo, kun 12 kunvenoj kaj 6 artikolojn en neesperantistaj gazetoj.

Norvegujo.



La sekcio kreskis al 23 membroj, el kiuj tamen nur malmultaj estas aktivaj skoltoj
Oni kontaktis ĉiujn, kiuj estis irontaj al la ĵamboreo.
LSM estas sendata al la skoltaj ĉefoj de la lando. Unu el la membroj initiatis ekspozicion dum venonta landa ĵamboreo.



Nederlando.
Kresko ĝis 24 membroj sed ĉar la ĝenerala sekretario funkcias kiel NR, la laboro ne povas esti konvene farata.
Okazonta tendaro en Rotterdam donos eblecon propagandi.

Kongo (Zair).



Ekonomio malhelpas la agadon, eĉ poŝtmarkoj estas tro multekostaj por korespondo. Kiel do aĉeti lernolibrojn, gramofondiskojn?
Donaco de vortaro Esp.-franda al NR estus bonvena!




# LA GRANDA URSO

DE S. Mella

La Granda Urso estas la plej konata stelfiguro sur la norda ĉielo. En Skandinavio ĝi estas videbla en ĉiu nokto sennuba, sed en pli sudaj landoj ĝi parte aŭ plene subiras sub la horizonton.

Al La Granda Urso apartenas fakte multegas steloj, el ili proksimume 20 estas videblaj sen binokloj. La centra parto konsistas el 7 steloj, nome Dubhe, Merak, Phecda, Megrez, Alioth, Mizar kaj Alkaid (aŭ Benetnasch). Ĉi tiuj steloj (escepte de Dubhe kaj Alkaid) movas sin je 29 km/sek al la konstelacio de Cervo. Ekde 1869 oni studas ĉi tiun "stel-riveron", al kiu apartenas ĉ 150 steloj.
Ĉi tiu movo klarigas kial la formo de La Granda Urso ĉiam sed tre malrapide varias.

Por trovi nordon: Daŭrigu la linion inter Merak (situanta 78 lumjarojn for de ni) kaj Dubhe (105 lumjarojn for) per 4 samlongaj linioj, kaj vi trovas solitaran, sed klare videblan stelon, la Polus-stelon (Stella Polaris). Ĝi estas ĉiam tre proksime al la nordo-direkto. Sed rimarku: NE la linio de Merak al la Polusstelo montras nordon - tion faras la fiktiva linio de viaj okuloj al la Polus-stelo.

La Grandan Urson vi trovas signitan per nigraj stelokrucoj.
Indikitaj estas ankaŭ

| | |
|---|---|
| **A**ndromeda | **K**asiopeio |
| **C**igno | **L**iro |
| **D**rako | **M**algranda Urso |
| **F**iŝoj | **T**riangulo |
| **Ĝ**irafo | **P**egaso |
| **H**erkulo | **PE**rsevo |

Jen tasko pri La Granda Urso:
Proksime al Mizar vi eble povas vidi la okan stelon de jena stelofiguro, nome Alcor-on.
Oni diras, ke la kapablo vidi ĝin, indikas normalan vidokapablon. Tiel vi do mem povas kontroli vian vido-kapablon.

La artikoleton verkis por La Skolta Mondo nian N.R. por Finnlando, Seppo Tella



# POŜTO

Dag Martin Rosbach, 13-jara knabo, ankoraŭ ne lernis la internacian lingvon, deziras korespondi per ĝi, komence kun helpo de traduko. Estas skolto, kolektas poŝtmarkojn kaj skoltaĵojn.
Adreso: Nergata 37c, N-6500 Kristiansund N, Norvegujo.

Seppo Tella el Finnlando kore dankas ĉiujn skoltfratojn kiuj subskribis la poŝtkarton senditan al li el la kunveno de SEL en Londono, kaj diras, ke tio estis vere agrabla surprizo por li, kiu ne mem povis partopreni.

La redaktoro aldonas sian tutsaman dankon.




Svisaj poŝtmarkoj eldonataj la 17an de februaro 1972.

El Hungarujo "onklo Arpi" salutas, kaj proponas rubrikon en sia revuo "fo-ki-ma" al skoltoj. Adreso: S-ro Arpad Pölöskey, Budapest 119, pf 16

Sveda Somera Semajno aranĝiĝos en Frostavallen, Svedujo, 30. VII - 6. VIII 1972. Plenajn informojn donas Jan Strönne, Amiralsgatan 36 S-211 55 Malmö, Svedujo.

57-a Universala Kongreso de Esperanto okazos 29. VII - 5 VIII en Portland (Oregon), Usono.
Oficiala postkongreso en San Francisco akceptos ĝis 100 personoj.

Partoprenantoj en la Monda Ĵamboreo en Japano akceptis rezolucion, el kiu ni citas:
Ni, Esperanto-parolantaj skoltoj el variaj landoj, kunvenis hodiaŭ la 10an de aŭgusto ĉe s-ro K. Ishii, kaj akordiĝis por konstati, ke ni, limigita nombro de Esperantoparolantaj skoltoj sukcesis efektivigi niajn kontaktojn sufiĉe bone, spite de diversaj malfacilaj kondiĉoj, por denove demonstracii la esencajn valorojn de Esperanto kiel unika interkomunikilo de internaciaj skoltoj, kaj konkludas, ke pli kaj pli multaj skoltoj, precipe ankoraŭ junaj, interesiĝu pri Esperanto.

Ĉiam memoru fari senpagan utilon al nia movado, al nia lingvo kaj al unuopaj membroj:
Traduku korespondopetojn el LSM kaj sendu al via nacilingva skolta revuo, kun indiko, ke korespondo okazas en Esperanto.

Nia redaktoro eldonis malgrandan kajeron kun diversaj literaturaĵoj.
Pluraj el tiuj - i.a. la norvegaj popolfabeloj kaj skoltaj kantoj - jam aperis en La Skolta Mondo.
Formato kaj aspekto similas al la revuo nia.

En Grenlando aperas 29.an de februaro poŝtmarko kun hundosledo.
La unuataga stampilo montras la ledan tirilon kiun uzas la sledoveturantoj.
Ni maldekstre montras kaj la poŝtmarkon kaj la stampon.






# EUROPA

Euroscout 72.

Kio estas tio?

Internacia skolta tendaro, sub la signo de la Eŭropa Jaro de Amikeco 1972.

Grandega okazo!

Por kiuj?

Por ĉiuj Eŭropaj skoltoj, kiel grupo, patrolo, aŭ individue.

Kie?

Nederlando, en la granda havenurbo Rotterdam.

# JARO

Kiam?

29. de julio - 6. de Aŭgusto.

Poste?

Gastigado dum kelkaj tagoj ĉe nederlandaj skoltaj familioj.

Familio de skoltestroj.

Por tiuj estos speciala tendaro.

# DE

Programo.

Velado, mar-fiŝkaptado, aliaj akvosportoj, rajdado, pluraj artoj: fotografio, skulptado ktp., ekskursoj (ankaŭ per ŝipo tra la haveno) kaj multaj aliaj interesaj aferoj.

Kotizo.

Proksimume ned. gld. 75.- inkl lunĉoj.

# AMIKECO

Entute?

Por kelkaj aktivecoj malgranda krompago.

Informoj.

Euroscaout 72,
Heemraadsingel 129,
Rotterdam - Nederlando.

Jam nun.

Skribu en Esperanto kaj petu informojn pri la kamparo.



## KIEN ILI IRAS?

Ĉiuj skoltoj kuras por aĉeti la lernolibron :

"ĴAMBOREA LINGVO"

Havebla ĉe :

Asger Petersen
Tårnvej 387 B
DK 2610 Rødovre
Danlando.

U. Paul Ronald
45-10th Ave.,
Roxboro, Que.
Tel. 684-3746

Esperanto - Centro „ Rejnlando - Palatinato
6730 Neustadt (Weinstr)
Haßlocher Straße 17

SKOLTA ESPERANTISTA LIGO
sekr.: J. K. Hammer
Taxusstraat 7 - ZAANDAM
Nederlando

JAN STRÖNNE
Amiralsgatan 36
MALMÖ, Svedujo

C.E.K.I.T.
milano
via villoresi 38

ESPERANTO INFORMATION CENTER.
410 Darrell Road,
Hillsborough, Cal 94010

Kr.Esp.Förbundet,
Box 7, Skolgatan,
69051 Östansjö

NORVEGA ESP. LIGO
Boks 942, Oslo

CONRAD FISHER, Secretary
R. F. D. 1, Calvin Street
Area Code 814 - Ph. 333-5405
Meadville, Pennsylvania 16335

kaj multaj aliaj adresoj en la tuta mondo!




Nova disko kun provlecionoj

Libro Ned f 2.50
Disko Ned f 2.50
INKL. AFR.

# DU ELEKTOJ PASKE

La pasko estas la kristana ĉeffesto, kiel la judana. En la kristana eldiro pri la paskaj eventoj ni legas:

"Unu el la dek du, nomata Judas Iskariota, iris al la ĉefpastroj kaj diris: Kion vi volas doni al mi, se mi lin transdonos al vi? Kaj ili pesis por li tridek arĝentajn monerojn."
Sankta Mateo 26.14-15.

Ni ankaŭ legas aliloke:

"Kiam do ili kolektiĝis, Pilato diris al ili: Kiun vi deziras, ke mi liberigu al vi? Ĉu Barabason, aŭ Jesuon, nomatan Kristo?...
Kaj ili diris: Barabason.
Sankta Mateo 26.17-21.

"Forigu lin, kaj liberigu al ni Barabason; kiu pro ribelado farita en la urbo, kaj pro mortigo, estis ĵetita en malliberejon."
Sankta Luko 23.18-19.

Judas elektis - monon.
La popoloamaso elektis kaj elektis perforton kaj mortigon.
Tio ne estas nur rakontoj ligitaj al la tradicioj de kristanismo, tio estas la elektoj, kiujn ĉiu el ni devas trapasi dum la ĉiutaga vivo.

Tio ankaŭ ne estas ligita nur al la kristana religio; la budhismo kun sia deklaro pri la avido kiel fonto al la malbono, la judismo kun siaj vortoj pri la valoro de Dia beno pli ol teraj trezoroj, kaj aliaj religioj pritraktas la problemon.

La politika pensado hodiaŭ aktualigas la elekton.

Mono - aŭ spiritaj trezoroj? La monsumo ne gravas. Kion Judas ricevis, estis malmulte. Aliaj cedas al tento de granda riĉeco. Ni denove citu la Biblion:
"Ĉar kiel profitus homo, se li gajnus la tutan mondon kaj perdus sian animon? Aŭ kion homo donu interŝanĝe por sia animo?"

Legu ankaŭ la judajn profetojn, kiel ili batalas kontraŭ nejusteco!

Kion vi elektas?

La alia elekto, inter amo kaj perforto, inter la animo de Jesuo Kristo kaj tiu de la ribelisto kaj mortigisto, estas ne malpli aktuala.
Ĉie en la mondo okazas ribeloj, oni havas liberigajn movadojn, teroristojn kaj idealistojn kiuj volas oferi sian vivon por afero sankta al ili. Ĉie, absolute ĉie, oni havas arojn da junuloj kiuj subtenas ilin, pretaj al demonstracioj kaj tumultoj por substreki sian potencon.

Multaj teologoj asertas, ke Barabaso estis membro de tia sekreta liberiga armeo kiu volis liberigi la judan popolon el roma subpremo. Kaj la popolamaso elektis lin.

La elekto estas konkreta: Libereco de animo kaj konscienco, sekureco de infanoj kaj virinoj, la iom longa vojo al vera libereco, kontraŭ tiu, kiu eble kondukas al tera kaj politika libero baldaŭa, sed kostas la sangon kaj vivon de nekulpaj homoj.

Josuo diris: "Elektu al vi hodiaŭ, al kiu vi volas servi."

JARLIBRO
de
Universala Esperanto-Asocio
1972
UNUA PARTO

Neniu rajtas represi aŭ alimaniere reprodukti iun ajn parton de ĉi tiu libro sen skriba permeso de UEA.

POR UZO NUR DE MEMBROJ
UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO
(En Konsultaj Rilatoj kun Unesko)
Nieuwe Binnenweg 176, Rotterdam-3002
Nederlando
Tel. (010) 36 15 39

# Alvenis la Jarlibro

El ĝi evidentiĝas, ke UEA havas fakdelegitojn pri skoltismo en 12 lokoj: Belem kaj Niteroi en Brazilo, en Crosby, Peterlee kaj Shenfield en Britujo, en Těchonin en Ĉeĥoslovakujo, en Imatra, Finnlando, Valencio en Hispanujo, Sciacca en Italujo, en Kristiansund N en Norvegujo, Bydgoszcz en Pollando kaj en San Francisco en Usono.

Nun komparu kun nia propra listo sur la antaŭlasta paĝo: Grandaj diferencoj? Kial? Ĉu oni ne povas servi en ambaŭ? Ĉu ne S.E.L. gajnus per tio?

La jarlibro ĉefe enhavas la delegitan reton. Tre utila libro.

# EKSPOZICIOJ

En Norvegujo okazos en "Sjølyst" en Oslo granda ekspozicio sub la nomo "Ferie-Fritid 72" (Ferio-Libertempo 72) en la tagoj 13. - 23. de aprilo.
Norvega Esperantista Ligo kune kun Klubo Esperantista en Oslo havos esperanto-standon dum la ekspozicio, kaj S.E.L. ricevis permeson partopreni.
Pli malfrue - dum la landa ĵamboreo en Røros - S.E.L. denove havos ekspozicion.
Ĉe ambaŭ oni havos numerojn de La Skolta Mondo - por montrado, kaj ankaŭ por disdono al interesitoj, kaj oni deziras alian konvenan materialon, t.e. afiŝojn, presaĵojn, fotojn pri S.E.L.-aranĝoj ktp - kaj se iu havas, bonvolu sendi.
Konvena adreso: Tiu de nia prezidanto.

Eble oni povus el la materialo krei ian konstantan ekspozicion por uzo dum ĵamboreoj kaj aliloke laŭ bezono kaj ebleco?







Naciaj reprezentantoj:

| | |
|---|---|
| Aŭstralio: | S-ro S.H. Milligan, 274 Mont Albert Rd., Surrey Hills, 3127 Victoria. Telefono WF 7948. |
| Belgujo: | S-ro Eddy Frederickx, Paasbloemstraat 31, B-2060 Merksem-Antwerpen. Poŝtĉekk. 9978.93. Tel. (03)4524.76.<br>L.J. van Gulck: telefono 03-3688.08.<br>Poŝtkonto Belga Skolta Esperanto- Sekretariato 327460. |
| Brazilio: | S-ro Euclides C. Soares, Av. Almirante Tamandare 979, Belem, Para. |
| Britujo: | S-ro C. Bardsley, 42 Westbourne Street, Oldham, Lancs. |
| Danlando: | S-ro Asger Petersen, Blistrupsvej 8, DK-2610 Rødovre. Telefono 707157. |
| Finnlando: | S-ro Seppo Tella, 9 kp, SF-55950 Imatra 95. Telefono 954-51130. |
| Francujo: | Monsinjoro Patrick Truchemotte, 76 Rue Lombard, Bordeaux |
| Hispanujo: | S-ro Pedro Marqueta, Fern el Catolico 32, 5°izqda, Zaragoza. Telefono 25 20 44. |
| Italujo: | Prof. Franco Tulone, Via Frangipene 8, 92019 Sciacca, Agrigento. Telefono 21.198. |
| Japanujo: | S-ro Sinzo Sumiya, Daido Kagaku Sooti K.K. 16, Suekirotyo Kitatu, Osaka. |
| Kanado: | S-ro John H.F. Hoyle, Box 421, Forest Ont..<br>Helpa N.R.: S-ro Paul Ronald, 45, 10th Ave., Roxboro, Queb. |
| Kongo: | S-ro Paul Deloin Nzemba-Paku, B.P. 198, Limete, Kinshasa. |
| Nederlando: | S-ro J.K. Hammer, Taxusstraat 7, Zaandam. Telefono (02980)-66931. Poŝtkonto 63 22 46. |
| Norvegujo: | S-ro H.A. Rosbach, Nergt. 37c, N 6500 Kristiansund N. Tel (073)-77620. Poŝtkonto 8 03 04 13. |
| Portugalujo: | S-ro J.P. de Melo, Rua Jacinto Nunes 17-3°Dt°, Lisboa I |
| Usono: | S-ro H. William Beare, 1007 Chicago Blvd., San Antonio, Texas 8 15 39. |

Informoj pri membreco.

*<u>En landoj kun Nacia Sekcio</u>:

Informiĝu ĉe la N.R. kaj pagu al li la landan kotizon.

<u>Individuaj membroj</u>: (Nur en landoj sen N.R. !)

Kotizo inkl.abono de LSM. por junuloj ĝis 18 jaraj:

Angla £ 0.40 (Ned.guldenoj 3.30)

Por pli-aĝuloj: £ 0.60 (Ned.guldenoj 5.00)

Subtenantoj : Minimume £ 0.60 aŭ Ned.g. 5.00

Oni pagu al la kasisto, aŭ se necese al la sekretario.

Ĉiam bonvolu pagi vian kotizon antaŭ la unua de aprilo !




# Ni ridetu



*— Vidu! La maljuna Dukrurulo daŭre rifuzas akcepti la fakton, ke paŝi en stara pozicio kontraŭas la leĝojn de la homa orientiĝo.*





**La Skolta Mondo**

Memoru la limtempon.

La datoj estas 1-a de Februaro, 1-a de Majo, 1-a de Aŭgusto kaj 1-a de Novembro.

**REDAKCIO: N-6500 KRISTIANSUND**